# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "Brazila Ligo Esperantista"

2-a. Jaro. — Majo-Junio 1909 — Numero 9-10.

JARABONO: En Brazilujo...... 3$000 Eksterlande.... ... 6.fr,00 (2,$40)

Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
REDAKCIO — RUA S. JOSÉ N. 77
Rio de Janeiro — BRAZILUJO

Specimeno......... 0.f50 (0, $ 20) Numero avulso.... 300 Rs. Helpabono......... 10$000


## Va INTERNACIA ESPERANTISTA KONGRESO

### BARCELONO

**5-a 11-a Septembro 1909-a**

## ALVOKO

*Karaj Gesamideanoj!*

Barcelono estas la urbo simbole elektita de Cervantes por revenigi Don Kiĥoton,— tiun grandan frenezulon!— en la realan vivon. Vojoj polvoplenaj, gastejoj malpuraj, montoj senherbaj, senhomaj ebenaĵoj estas la arenoj, la turnirejoj de la freneza kavaliro; sendankaj kaptitoj, paŝtantaj brutaroj, muelilaj aloj, procesiantaj religiuloj estas liaj malamikoj kaj kontraŭstarantoj. La kastelo de fantaziaĵoj devis ruiniĝi en Barcelono, kie la sento de la realaĵo estas granda, kaj kie la entuziasmo ŝveligas la korojn, sed ne suprenflugigas ilin kiel aerostatojn. Sur sablaro, hodiaŭ al la maro rabita de la pligrandiĝo da la urbo, Don Kiĥoto falis venkita de la kavaliro de la Blanka Luno; kaj senarmigita, neniigita, malĝoja, li revenis sur la vojo de la resaniĝo al la fina resaniĝo de sia malsana cerbo. Li forportis kun si la memoron de la presejoj, riĉaĵoj, belegaĵoj, gastameco de la grafa urbo, kaj ekkriis, pri Barcelono parolante: «Barcelono, arĥivo de la ĝentileco, rifuĝejo de la fremduloj, hospitalo de la malriĉuloj, patrolando de la kuraĝuloj, venĝo de la ofenditoj, afabla korespondado de amikecoj firmaj, kaj senegala pri sidejo kaj beleco» (Ĉap. LXXII., II-a parto).

Nun, en la nuna ora refratiga tempo, Barcelono estas denove elekita, kiel scenejo de simila fakto. Trakuras la Homaron, ne nur unu sola kavaliro, sed armeo de frenezaj kavaliroj, kiuj ĉie nur vidas malamikojn kaj kontraŭstarantojn. Nur kiel malamikojn, ili rigardas la fratojn pacemajn, laboremajn, trankvilajn, kies nura peko estas: esti malfeliĉaj. La grandaj konstruaĵoj de la moderna kulturo, de la ĉiama kulturo estas por tiaj frenezuloj, nur ensorĉitaj kasteloj, kie — laŭ ili — homo laboradas venĝojn kaj malbonon. La movon de la brakoj, kiuj tra montoj kaj limoj volas sin ĉirkaŭpreni, la frenezaj kavaliroj vidas nur, kiel minacon. Kaj ili, kiuj per siaj timoj ĉion malaranĝas, ili paradas, kiel repacigantoj de la paco, kiel rebonigantoj de la bono, kiel venĝintoj de tio, kion neniu eĉ pensis venĝi.

Estas necese revenigi tiajn frenezulojn en la realan vivon, montri al ili, ke ni ĉiuj estas amikoj, ke la tiel laŭte proklamita de ili diferenco kaj kontraŭsenteco de la homoj, estas falsa; ke ne estas alia sorĉo, ol la sorĉo de la amo, kaj ne alia malamo, ol la malamo al ili mem. Tio ĉi estos proklamata, kantata, kriegata antaŭ la tutmonda Kiĥotaro, ne, certe de la Kavaliro de la Blanka Luno, sed ja de la kavaliro de la Verda Stelo, en niaj placoj kaj stratoj, teatroj kaj kunvenejoj. Kiu el vi, karaj gesamideanoj, ne volos ĉeesti tiun gravan modernan batalon? Kiu el vi, frataj sambatalantoj, ne volos partopreni en la rondo, kiun ni faros ĉirkaŭ ambaŭ batalantoj: la malnova, tradicia, erara, atavisma spirito, — kaj la nova, frata, ama spirito de Esperanto? Kiu el vi ne volos alporti la bruon de siaj aplaŭdoj al la senarmiligo de la tutmonda Kiĥotaro? Mi estas certa, ke ĉiuj vi, fidelaj masonistoj de homara konstruaĵo, ne rifuzos ĝui tiun grandan ĝojon; kaj en la batalo konetaŭ la veraj frenezuloj — ĉar ne ni, sed ili estas vere tiaj — vi pardonos, ke mi parolas el la reala vivo kaj invitas vin al aliĝoj al alporto de viaj monfortoj en nian organizon, al antaŭvido de ĉiu detalo, lasante nenion por la lastaj momentoj.

Plenigu do la apudan Aliĝilon, mendante kongreskartojn; faciligu nian loĝadan laboradon. Sciigante nin jam de nun — vi estos plej bone servitaj! — Mendu la eldonaĵojn de nia Komitato— vi akiros belajn eldonaĵojn, kaj samtempe vi helpos nian kason. — Propagandu, disvastigu, varbu, kaj ne timu ĝeni nin, petante ĉian informon kaj starigante ĉian demandon.

Gefiloj de ĉiu lando! venu Barcelonon restarigi la grandan rondon familian!

*La Prezidanto de la Loka Komitato*

**Fred. Pujulà y Valles.**

———◆◆◆———

## NI LABORU

Al la Esperantistinaro
de Guaratinguetá.

*Per grandega penado celante*
*Doni pacon al tuta Homar',*
*Ni laboru senlace, konstante,*
*Ni laboru, samideanar'*
*Kaj la verda standard' en batalo*
*Nin al venko direktas kun glor'*
*Esperanto triumfos sen falo*
*Dank' al nia potenc' kaj fervor'*

—

*Malhelpita per ombroj, per nuboj,*
*Nun briladas libere la stel'*
*Jam foriras ŝanceloj kaj duboj*
*Jam pli bela fariĝas ĉiel'*
*Nia lingvo senĉese progresos*
*Ĉiulande, tra tuta la Ter'*
*Ni la barojn faligi sukcesos*
*Fortigitaj de l' am' kaj esper'*

—

*Kiam venas ondego terura*
*La kuraĝon ne perdas ŝipan'*
*Trankviliĝos la maro lazura,*
*Ne pereos li pro l' uragan'*
*Al sentimaj ŝipanoj similaj,*
*Iru ni, daŭrigante kun ĝoj',*
*La triumfoj montriĝos facilaj*
*Ĝis la fino de longa la voj'*

—

*La esper', la plej dolĉa gvidilo*
*Novajn fortojn alportos al ni;*
*Esperanto, tutmonda ligilo*
*Jam ne estas ĥimer, iluzi'...*
*Ĝi vivadas kaj vivos tre bele*
*Por la bono de l' granda Homar'*
*Se ni ĉiam laboros fidele...*
*Ni laboru, samideanar'*

*J. B. MELLO SOUZA.*

—

## SAŬDADO

S-ro Visconde S. Valentim skribis al D-ro Zamenhof pri la enkonduko de l' radiko «saŭdad» en la esperantan vortaron kaj li ricevis la jenan respondon de nia kara majstro:

«14/4/09 — Kara Sinjoro:

Ŝajnas al mi, ke la vorton «Saudade» oni povas traduki per «rememoroj aŭ rememoraj sopirado» aŭ simple «resopiro». Tamen se viaj portugallingvaj samideanoj trovas, ke tio ne esprimas tute oportune la sencon de Saudade, ili povas tute bone uzi «Saŭdado» kaj verŝajne aliaj nacioj baldaŭ ilin imitos kaj tiam la vorto baldaŭ eniros en niajn vortarojn.»

## TRE GRAVA!!

Dum la venonta monato Majo, eliros gvidlibreto pri Barcelono kun ilustraĵoj. Ĝi estos sendata al la Kongresanoj de la Va, al la esperantaj kaj neesperantaj gazetoj, al la societoj kaj grupoj, kaj al ĈIU ESPERANTISTO, kiu petos ĝin per ilustrita poŝtkarto (1) al unu el la jenaj adresoj.

TUTMONDA ESPERO (KATALUNA ESPERANTISTO): Paradís, 12, Barcelona.

SOCIETAT D'ATRACCIÓ DE FORASTERS, Rambla del Centre, 30, Barcelona.

(1) *Car oni intencas ekspozicii la ricevotajn poŝtkartojn oni petas, en landoj kie ĝi estas farebla, alglui la markojn sur la vidajflanko.*

## LA TRIA AZENO

Ĉu vi iam pensis, kara leganto, pri la malfeliĉa sorto de la tria azeno? Ĉu iun tagon via animo sentis almenaŭ iom da kompato kontraŭ tiu bedaŭrinda suferanto de la devo? Ĉu viaj okuloj suferis tiun incitetadon, kiu antaŭiras la larmojn?

Ne, kompreneble, ne.

Via vivo, plena je ĝojo kaj plezuraĵoj, neniam permesis al via rigardo, eĉ indiferenta, sin turni momente al tiu kompatinda tria azeno.

La karesoj de via edzino, la petolaĵoj de viaj filetoj plenigas vian vivadon je tiel granda feliĉegeco, ke neniam okazis ke vi filozofu pri tiu afero...

Sed, ŝajnas al mi, ke vi ridetas?...

Vi estas edzinigita? Nu, povus tiel esti. Cetere, tiu cirkonstanco ne estas grava rilate la la trio.

Sciu tamen, leganto amika, (ĉu vi legis ĝis tie ĉi?) sciu, ke mi, kies maldoĉa vivado tre malmulte da fotoj estas vizitata de la radioj de l' gajeco, mi jam dolorplene pripensis pri la sorto de tiu besto; jam... sed vi demandos min, almenaŭ kuriozeme, kiu estas tiu tria azeno, pri kiu vi tiel multe vin interesas?

Kiel eble! ĉu vi ne scias? Ĉu vi ne rekonas tiun turmentiton de l' eterna suprenirado, tiun *afikson*, kiun oni kunligas kun la vivega (!) jungaĵo, kiu havas la honoron fortiri niajn tramvojon?

Vi scias nun?

Bone, tial ke vi konas nun tion interesplenan beston, vi konsentos kun mi, ke ĝi havas malspritan ekzistadon (azenan ekzistadon kompreneble).

Dum la vivega... jam dirita transkuras la tutan urbon, vidas butikojn de ĉapelistinojn, montrafenestrojn de juvelistojn, kafejojn, k. t. p., la bedaŭrinda *trio* vivadas suprenirante, ĉiam suprenirante, kaj rigardadas je la mila vojo la ruĝajn naztuketojn kun verdaj branĉaĵoj, la tapiŝojn skandale flavajn kaj la tentantajn elpendaĵojn de hoteloj, kien, li scias, li neniam enmetos la pied... mi volas diri la hufferaĵon!

Dum siaj kunuloj trairas plej sanajn ĉirkaŭaĵojn de nia urbo, serĉante puran aeron por iliaj delikataj pulmoj, tiu malliberulo iras, iradas ĉiam enspirante la saman aeron malpurigitan per la haladzoj de la terkarbo, per la fumo de l' potencaj maŝinoj!

Kaj, kiom da karesoj ĝi ricevas el la dolĉa veturigistino? Kiel multepeza devas ŝajni al ĝi tiu rimeno, eble farita el haŭto de iu suferanto simila al ĝi!

Tial ĝia vivo estas mallonga...

Tiuj ĉiutagaj kilometroj, kvankam englutataj homeopatie, estas kalkulotaj duoble por la bedaŭrinda tria azeno, tiu eterna sklavo, kiu, ho ironio! plenumas sian devon en..... la strato 13 de Majo! (1)

J. Keating.

(1) *13 de Maio 1889 estas la dato l'abolicio de l' sklaveco en Brazillando,*

## NOVA ZELANDO

El la raporto datumita de la 11 Septembro 1908, kiun la la ministro de Turismo kaj Saneco prezentis al la Parlamento, la *British Esperantist* donis ekstraton, kiun ni tradukas ĉi sube:

**Esperanto**

«Kelkaj oficistoj de la ministrejo ellernis nun tiun novan internacian lingvon, kaj kelkaj Nova-Zelandaj firmoj presigis esperantan anoncojn en *Itinerary of Travel* (Vojaĝa Vojplano), publikigata de la Departamento, Kvankam ni ne anoncis ankoraŭ en esperantaj gazetoj, ni ricevis, el landoj tiel malproksimaj kiel Rusujo, Hispanujo, Svisujo, Belgujo, Malto kaj Bulgarujo, grandan nombron da leteroj, petantaj sciigoj pri la organizo de nia lando, la terkulturaj facilaĵoj, la laboristaj leĝoj, la turistaj lokoj, k. t. p.»

## KRONIKO

**Rio de Janeiro.** — Ĉiumonate la geesperantistoj de Rio de Janeiro kaj Niteroi faras kune ian promenadon, kies utileco por la interkonatiĝo de l' partoprenantoj kaj propagando de nia lingvo ĉiam estas ekvidebla. La lasta promenado okazis la 6-an de tiu ĉi monato; granda aro da gesamideanoj iris al la Insulo «Governador», kies loĝantaro estis efektiviganta gravan feston. Dum la promenado, ĉarma kaj ĝojiga, oni multe parolis esperante kaj pri esperanto kaj tio allogis la intereson de ĉiuj aliaj gevojaĝantoj. Kelkaj knaboj kantis la himnon «Espero» en la vaporŝipeto, kiu nin kunportis, kaj F-ino Julia Fernandes bone deklamis poezieton.

La plimulto el la anoj de la grupoj «Verda Stelo» kaj «Verda Signo» decidis malaperigi ilin kaj aliĝis al «Brazila Klubo Esperanto».

Niaj bonaj amikoj Affonso de Mello kaj J. Borlido, anoj de l' klubo «Gymnastico Portuguez», unu el la plej gravaj asocioj de Rio de Janeiro, organizis belegan feston kiel homaĝo al «Brazila Klubo Esperanto». Tiu festo efktiviĝis kun notinda sukceso la 6-an de tiu ĉi monato. Ĝi konsistis el du interesplenaj komedietoj «Provincianos en Lisboa» (Provincanoj en Lisabono) kaj «Não tem titulo» (Ne posedas titolon) lertege luditaj de kelkaj konataj geartistoj. S-ro Hernani Mendes faris tiam malgrandan paroladon pri esperanto, ĝia deveno kaj estonteco. Al la multnombra ĉeestantaro tre plaĉis la festo organizita de niaj samideanoj. Per nia pero, la estraro de Brazila Klubo dankegas ilin pro ilia granda ĝentileco kaj laboremeco.

—Ni havis la plezuron vidi D-ro Keating, unu el niaj plej agemaj kunbatalantoj, kiu dum lia vojaĝo al Eŭropo, elŝipiĝis kaj pasigis kelkajn horojn en nia ĉefurbo. D-ro Keating ĉeestos la V-an Universalan Kongreson okazontan en Barcelono je la proksima Septembro. Li tie riprezentos la Brazilan esperantistaron kaj ni estas certaj, ke li daŭrigos la sukceson, kiun nia *Dresdena* delegito trafis dum sia profitega vojaĝo.

—Nia fervora samideano, inĝeniero Agenor de Miranda, kiu loĝis en Matto Grosso, kie li komencis propagandi esperanton, forveturis Bahian kie, certe, li daŭrigos tiun laboron. Li restadis en tiu ĉi ĉefurbo dum kelkaj tagoj, kiuj sufiĉis por nia interkonatiĝo kun tiu afabla kaj klera esperantisto. D-ro Agenor de Miranda estis dum nia 2a kongreso, la Delegito de Brazila Ligo en Matto Grosso.

—Je la 13a de Junio, D-ro Everardo Backheuser faris en la lernejo «Senador Corrêa» belegan paroladon por Esperanto, ĉeestinte multaj kaj eminentaj personoj. S-ro D-ro Francisco Cabrita, inda direktoro de Publika Instruado en Rio de Janeiro, prezidis bonvole la kunvenon kaj diris, malfermante ĝin, veran paroladon pri kaj por la ideo lingvo internacia, montrinte ke Esperanto estas ĝia vera solvo; el lia parolado ni publikigas malsupre kelkajn frazojn tial ke ili estas vere triumfo por ni.

Jen kio pri nia lingvo diris D-ro Francisco Cabrita.

«Estas hodiaŭ malfermota la kurso de esperanto, kiun Brazila Klubo «Esperanto» bonvolas subteni, direktita de mia klera kolego inĝeniero Couto Fernandes ĉe la Lernejo «José de Alencar» kun la helpo de l' lerta profesorino, kiu ĝin direktas per laŭdinda maniero.

Kvankam mi malmulton scias pri la evolucio de esperanto kaj pri ĝia propagando, kiel simpla scivolulo pri ĉio kio koncernas la literaturan movadon, mi povas certigi (estante mi mem certa pri tio) ke tiu lingvo nun ne estas utopio, sed fakto jam solvita.

Baldaŭ tiu artefarita lingvo fariĝos la vera interkonsenta komprenigilo necesa por la komunikado inter diversnacianoj.

Baldaŭ ĉiu popolo, konservinte sian nacian lingvon por la daŭrigo de l' naciaj tradicioj, posedos la ŝlosilon per kiu ĝi malfermos la kofrojn de alilandaj riĉaĵoj kaj malkovros ĉion kion la aliaj popoloj elpensas, verkas aŭ kreas. Tiam la modesta geniulo konata de l' mondo per la nomo de Zamenhof eniros en la paĝojn de l' Historio kiel unu el la bonfarintoj de l' homaro.

Ĉie multobliĝas la poresperantaj societoj; internaciaj kongresoj amasigas gravajn eminentulojn kiuj diskonigas la facilecon de la lernado kaj uzado de esperanto por personoj el la plej malsamaj rasoj, parolantaj la plej malsimilajn lingvojn.

Nun, legi la verkaron de Descartes, Shakespeare, Schiller, Homero, Virgilio, postulas tempon eble centoble malpli, granda ol tiu kiun oni pasigas lernante la neregulajn verbojn de l' franca aŭ angla lingvoj. La esperanta biblioteko jam posedas verkojn de tiuj tutmondaj famuloj: kaj laŭ opinias la kompetentuloj en la afero, por lerni la gramatikon de tiu lingvo kelkaj horoj sufiĉas;

por traduki ian teskton sufiĉas kelkaj tagoj por taŭga lernado; fine, por skribi «currente calamo», nur du aŭ tri monatoj!»

Por montri al la ĉeestantaro la belsonecon de Esperanto la ĉarma fraŭlino Esther Martucci deklamis la soneton «Aŭdi stelojn», de Olavo Bilac kaj la tre konata «Kanto de l' Ekzilo» de Gonçalves Dias. La inteligenta knabo Luiz Rocha ankaŭ aŭdigis la poezion dediĉitan de l' fervora esperantisto el Siberujo, Romano Frenckel al Brazila Esperantisto okaze de ĝia apero. Ili ambaŭ estas tre aklamitaj. La parolado de D-ro Backheuser, kiu tre plaĉis, okazis pro malfermo de nova kurso farota de S-ro inĝeniero Couto Fernandes, prezidanto de B. K. E. La kurso funkcios en lernejo municipala José de Alencar, ĉe *Largo do Machado*, kun la permeso de l' Ĉefurbestro, Generalo Souza Aguiar.

En apuda salono estis malgranda ekspozicio, en kiu estis videblaj granda nombro da verkoj publikigitaj de Hachette & K., Librairie de Esperanto, Presa Esperantista Societo kaj de aliaj firmoj; jurnaloj, reklamiloj, propagandiloj de ĉefeĉ k. c. La gevizitantoj multe miris pro la granda nombro da esperantaĵoj jam ekzistantaj, kion ili tute ne povus imagi.

**Ŝtato de S. Paulo.** *Cruzeiro.*—Telegramo kiun el ĉi tiu urbo ricevis D-ro E. Backheuser, prezidanto de B. L. E. sciigis nin pri la fondiĝo de l' grupo, «Nova Sento». En la gazeto *Correio de Cruzeiro* ni legis ke tiu grupo estas fondita de aro da oficistoj de l' fervojo Minas e Rio. La estraro estas la jena: Prezidanto—D-ro Carlos Stevenson, vicprezidanto S-ro Getulio Silva— 1ª Sekretario—Alvaro Guimarães Oliveira, 2ª Sekretario Octavio Ramos, kasisto—Mario Novaes. Oni decidis inviti Profesoron Mario Veiga, tre fervora esperantisto, por fari kurson de esperanto ĉe la grupsidejo.

Ni kore deziras ke tiu nova grupo tute sukcesu kaj ni preskaŭ certigas ke tiel nepre estos, dank' al la klera direktado de S-oj D-ro Stevenson kaj prof. Mario Veiga agemaj kaj malnovaj kunbatalantoj niaj.

*Guaratinguetá.* Kun oficiala permeso de l' ŝtata estraro, la prezidantino de l' Esperantistinaro, Profesorino Maria Antonietta Milliet, malfermis kurson de nia lingvo ĉe la Normala Lernejo de Guaratinguetá.

—La grupo «Esperantistinaro» aliĝis al Brazila Ligo kaj elektis S-inon Irene Santos kiel delegitino apud ĝi.

—La propagando daŭrigas vigle en tiu bela urbo, precipe pro la aliĝo de kelkaj kleraj sinjoroj, el kiuj ni citas la nomojn de S-roj Nero Senna, kaj João Baptista da Silva, kiuj klopodas dislernigi esperanton, celante baldaŭ fondi grupon, kies aperon ni senpacience atendas.

*Mogy-Mirim.* S-ro J. P. Ziegler skribas bonajn artikolojn pri Esperanto en la jurnalo «Comarca».

*Amparo.* Je la 20ª de Majo malfermiĝis kurso de Esperanto en la sidejo de l' lernejo Dante Alighieri. Tiu kurso estos farata en 15 lecionoj per la metodo speciale skribita de ĝia direktoro S-ro Clemente Quaglio. Ni deziras, ke ĝi tre bone sukcesu. «Il Mensaggero» publikigas artikolon por Esperanto.

*Queluz.* Aliĝis al Brazila Ligo la Grupo «Zamenhof» kies Delegito estas S-ro Israel França. Estas dezirinde ke ĉiuj novaj grupoj same aliĝu por nin helpi en la propagando de nia lingvo.

*Ituverava.* D-ro Mario de Assis Moura estas nedubeble, tre laborema esperantisto. Liaj poezioj, aperintaj en nia gazeto, elmontras la majstrecon kiun li jam akiris en nia lingvo; lia verko «La leprulo de l' urbo Aosto, pro kiu la 2ª kongreso lin gratulis, meritis entuziasman aprobon de S-ro Boirac, prezidanto de l' Akademio Esperantista, kaj de nia klera Ministro en Bruselo, D-ro Oliveira Lima.

Plezure ni sciigas nian legantaron ke baldaŭ aperos nova verko de D-ro Mario Moura: aro da poezioj de famaj brazilaj poetoj kiun li esperanten tradukis. Gratulojn, ĉar la sukceso estas neevitebla.

**Ŝtato de Minas Geraes.** *Palma.*—Laŭ informas S-ro A. Agricola, aro da knaboj decidis fondi grupon por lerni kaj propagandi esperanton en tiu urbo.

Bonan sukceson!

---

# O ESPERANTO NO ESTRANGEIRO

**Inglaterra.** O Esperanto foi inscripto no programma de estudos do Instituto Commercial de Leeds. — A casa Cook and Son que se encarrega de arranjar viagens adheriu ao Esperanto e 2 das casas mais importantes em Londres e semelhantes ao «Bom Marché» já o adoptam em sua correspondencia.

—Fundou-se em Edinburgo «La Keljo», segundo o modelo do «Barĉo» de Pariz, cujos membros se reunem mensalmente para convesar em Esp eranto deliciando ao mesmo tempo o estomago. Abriram-se novos cursos em 3 escolas publicas dessa cidade sob os auspicios da «Edinburg School Board».

**Russia.** Appareceu em Moscou uma nova gazeta «La Ondo de Esperanto» e reappareceu o «Ruslanda Esperantisto» cuidadosamente redigido e bellamente impresso.

**França.** No dia 17 de Fevereiro falleceu o abbade Peltier, fervoroso esperantista, fundador e ex-director da revista «Espero Katolika».

—Fundou-se a «Internacia Ligo de la Esperantista Preslaboristaro». Para informações dirigir-se a Luiz Carlos, Secretario geral da Liga, rue Rollin, 7, Paris V.

—Realisou-se no dia 2 de Maio com grande successo em Beaune a festa da Federação de Borgonha. Ao jantar compareceram 200 esperantistas e a noute mais de 5.000 pessoas encheram o theatro para ouvir uma comedia em esperanto e peças de muzicas executadas por esperantistas.

—Appareceu em Gentilly, Seine uma revista illustrada, escripta em chinez e esperanto, denominada «Hina Esperanta Revuo».

—A importante casa Dubonnet distribue prospectos redigidos em esperanto fazendo propaganda do « Kina vino ».

—Em Bordeaux abriram-se cursos obrigatorios nas escolas St Génes e St Ferdinand. O grupo de Nice concorreu á batalha de flores e seu carro « Esperanto » obteve um grande successo.

**Hollanda.** Appareceu em Fevereiro o « Esperanto Bulletin » orgão do « Esperantista Gazetar-Kludo ». — Em Schagen ha um curso de esperanto no Instituto de Agricultura. — No pensionato St Louis de Puremond o ensino da lingua auxiliar é feito em igualdade de condições com os de francez, inglez e allemão.

**Allemanha.** Durante o mez de Maio realisou-se em Gotha o congreso nacional sob o protectorado do Duque Carl Eduard de Saxe-Coburg-Gotha, tendo comparecido delegados de mais de 60 grupos.

**Bohemia.** A « Bohema Unio Esperantista », que conta mais de 1000 membros realisou em Março uma reunião em que tomaram parte delegados da maioria dos grupos filliados.—De 26 a 28 de Setembro proximo terá lugar em Praga o Congreso Bohemio Esperantista — A revista « Zoologia Gardeno » abriu suas columnas á propaganda do Esperanto.

**Hungria.** Por occasião do congresso medico internacional, que se realisará em Budapest, os medicos locaes organisarão um « akceptejo » especial para seus collegas esperantistas. — Novas gazetas : o « Pioniro », orgão da eStudentgrupo de Budapest e o « Kroata Esperanto », orgão dos esperantistas croatas.

Brevemente apparecerá o « Hungara Esperantisto », que virá substituir a folha autograhada « Sciiganto ».

**Suissa.** Fundou-se em Berne a « Svisa Esperanta Biblioteko » e em Lausanne a « Universala Unigo de Studentoj », cujo fim é agrupar os estudantes de todos os paizes. — No Collegio Municipal de Genebra ha um curso facultativo com o appoio official do Conselho de Estado de educação. O Esperanto é tambem ensinado na escola normal de Neuchatel. — Em Davos, a sociedade dos commerciantes organisou um curso oficial desse idioma.

**Portugal.** A 21 de Abril realisou-se em Lisbôa com grande successo uma festa organisada pelo grupo local. Houve conferencias, cantos e recitativos. O Sr. Bandeira de Mello, presidente da sessão, destribuiu distinctivos esperantistas aos seus mais distinctos alumnos. Foi muito apreciada a exposição de objectos esperantistas.

**Hespanha.** Não ha mais duvida de que o 5° Congresso excederá os anteriores. O rei Affonso XIII acaba de aceitar ser o seu alto protector. A municipalidade de Barcelona concedeu um auxilio de 2000 pesetas para cursos de Esperanto. Durante o congresso será levada á scena um drama em 3 actos : « Mistero de doloro. »

—Appareceu na Catalunha uma nova gazeta, a « Kataluna Nacio » e já se acha impressa a Chave de Esperanto em catalão.

**Rumania.** Fundou-se a Federação das Sociedades esperantistas da Rumania. — O Ministerio da Instrucção Publica permittiu que a Sociedade de Bucarest mantivesse um curso no liceo « Lazár ».

**Turquia Aziatica.** Aidin é o maior centro esperantista da Turquia. Os gregos, que durante muito tempo seguiam o movimento com indifferença, estudam hoje a lingua auxiliar com muito ardor. — A Sociedade esperantista de Samos realisou um concerto no theatro publico, ao qual compareceu, S. Ex. o Principe Andreo Kopasis. trazendo a estrella verde na lapella.

**China.** Já conta esse paiz 2 sociedades esperantistas, uma em Shanghai e outra na Mandchuria e brevemenre será fundada a « Hina Esperantista Asocio ». Muitos missionarios são enthusiastas esperantistas e um delles, o Rev. Hubbard de Shanghai, tenciona publicar um jornal. Wu-Ting-Faug, ministro da China nos E. Unidos tornou-se adepto do esperanto e já iniciou seu estudo. — Appareceu em França uma gazeta redigida em chinez e em esperanto sob a direcção do Sr. Hóa. — O chinez Macon-Jik entrou para a redacção da revista « Samideano », que se edita no Japão e vae occupar-seespecialmente da traducção da litteratura chineza.

**Tunisia.** O grupo local deu uma festa extraordinariamente concorrida em honra do Sr. Ell, um dos organizadores do congresso de Dresde. — O grupo « Esperantista Sekcio » do instituto de Carthago já conta 100 membros.

**Argelia.** O director do jornal « Le Littoral Philippevilois » foi eleito presidente do grupo de Philippeville. — Foi iniciado um curso de esperanto na Escola Commercial de Oran.

**Estados Unidos.** O ministro da guerra lançou no relatorio apresentado pelo Major Strambe, delegado official do governo do congresso de Dresde, o seguinte despacho : « O estudo do Esperanto no serviço militar é digno de ser animado porque essa lingua auxiliar deve gosar um importante papel nas relações internacionaes. Sería para desejar que se eonseguisse chamar para esse ponto a attenção da Sociedade Cruz Vermelha Americana».—Appareceu em Chicago um jornal muito interessante, o « Export Esperantist » visando as relações commerciaes internacionaes por meio do Esperanto. — O 2° Congresso Esperantista nacional realisar-se-ha de 9 a 14 de Agosto em Chautauqua. — A « Esperanto Association of North America » conta já 72 grupos filiados e 2.500 membros effectivos. — Veiu á luz mais um jornal litterario, denominado « La Simbolo ».

**Ilha de Cuba.** Fundou-se mais um grupo em Santiago, denominado « Esperantista Societo el Oriento ».

**Republica Argentina.** Em Dezembro ultimo fundou-se em Buenos Ayres o 1° grupo esperantista, denominado « Esp. Klubo « Plat-Rivera », cujo secretario é o conhecido esperantista Snr. Geraldo Muñoz.

**Ilhas Philippinas.** Existem nesse paiz 10 sociedades de propaganda, onde se encontram pessôas as mais eminentes e um jornal illustrado o « Filipina Esperantisto ».

**Australia.** Appareceu em Sidney uma nova gazeta litographada com illustrações coloridas, denominada « La Aŭstralia Verda Stelo ». — Novo grupo em Adelaide.

**Ilhas Fidji.** Na escóla real de Levouka é ensinado o esperanto a uns 30 jovens fidjianos, que se mostram enthusiastas.

A. C. F.

---

## El la « Verda Stelo »

*Esperanta vilaĝo*, — La esperantistoj, s-roj Carlos kaj Augusto Biaut fondis esperantan vilaĝon ( Población Biaut ), ne malproksime de Santiago de Ĉilo. — Tiu vilaĝo okupos 100 hektarojn kaj estos unuigita al la urbo Santiago per elektra tramvojo. La urba placo estos nomata « Internacia Plazo » kaj la ĉefa strato havos la nomon de nia majstro Zamenhof. Plie en la orienta ekstremo de la vilaĝo estos lageto « Esperanto ».

La personoj kiu deziros informojn pli detalajn pri tio projekto povos sin turni al sinjoroj Biaut, fratoj, « A la Ville de Lyon », Rotunda del Pasage Matte, n. 42, aŭ poŝte, Casilla 44, Santiago de Chile.

## Ĉekbanko Esperantista

Post ekprovada tempo de kelkaj monatoj, la Ĉekbanko kaj ĝia funkciado estas nun definitive pridecidita kaj pratikeble arangita.

Por ke la banko utilu al la esperantistaro, estas necese, ke oni povu pagi per ĉeko eĉ la plej malgrandajn sumojn, kiel ekzemple la abonon de iu gazeto, la koston de instruiloj, propagandiloj, k. t. p., kaj, ke la ĉefaj librovendistoj, eldonistoj, asocioj, k. t. p., akceptu la ĉekojn de nia banko en pago por siaj kalkuloj.

Ĉar ni intencas publikigi la unuan nomaron de la firmoj kaj privatuloj, kiuj akceptas niajn ĉekojn, ni petas, ke tiuj kiuj deziras aliĝi al tiu ĉi nomaro aŭ sin interesas por la banko venigu la novan regularon.

Ĉekbanko Esperantista,
Merton Abbey, London. S. W.

## El «Franca Esperantisto»

*Por la kolektistoj de poŝtmarkoj*, — La Universala Asocio Filatelia Esperantista [sidejo en Bésiers (Francujo), oficiala organa *Tra la Filetelio*], estas de nun Asocio por interŝanĝo senriska de poŝtmarkoj, ĉar dank' al la nova regularo. la Asocianoj sin reciproke asekuras.

Por pli multaj sciigoj sin turni ĉu al S-ro Fize, au Pastissou á Béziers (Hérault), ĉu al F-ino Jeanne Flourens, 2, r. Abélard, Béziers (Francujo).

## Llngva Komitato

*Decido de la Akademio pri la elekto de novaj membroj en la Lingva Komitato. Publikigita en Oficiala Gazeto Esperantista*, — Laŭ la artikolo $5^a$ de la Regularo, okazos perioda baloto por replenigo de la vakantaj lokoj en la Lingva Komitato kaj eventuale por aldono de novaj membroj. La liston de proponoj por tiuj elektoj starigos la estraro almenaŭ unufoje ĉiujare kiel eble okaze de la Kongreso, tiamaniere, ke la nove elektitaj membroj povu partopreni la kunsidojn de la Lingva Komitato.

Tiu perioda baloto okazos ĉiujare en la sekvanta maniero.

De la unua oktobro, oni petos la Esperantistojn, ke ili sendu la nomojn de la kandidatoj, kiujn ili opinias elektindaj pro ilia speciala lingvistika kompetenteco. La kolekto de la kandidatecoj finiĝos la 15an. de januaro.

Dun la monato februaro, la estraro, kun helpo de la Akademio, starigos definitivan liston de kandidatoj por proponi al la voĉdonado de la Lingva Komitato.

La 1an. de marto, la listo estos sendata kun voĉdoniloj al la Lingvo-komitatanoj.

La 1an de julio, oni esploros kaj proklamos la rezultatojn de la voĉdonado.

Sekve de tiu decido, okazos en la nuna jaro $1909^a$ baloto pri la kandidatecoj jam proponitaj kaj elektitaj de la straro dum la Dresdena Kongreso kaj post ĝi.

---

# NOVAJ GAZETOJ RICEVITAJ

**La Londona Gazeto.** Oficiala monata organo de la Federacio de la Londonaj Grupoj Esperantistaj. 6 p. por 25 ekzempleroj. 70, Romola Road, Herne Hill, S. E. London.

**Ruslanda Esperantisto**. Centra organo de l' rusaj esperantistoj. Ilustrita ĉiu monata jurnalo de l' scienco, arto, literaturo kaj sporto.

Jare. Sm. 3,20. Nevskij 40. St Peterburgo.

**Norda Gazeto.** Bulletin mensuel de la Fédération des Groupes Espérantistes du Nord de la France. Jare: 1 fr. Boulevard Vauban, Saint-Omer. France.

**La Simbolo.** Internacia gazeto. Jare. 2,50 Sm. 205, Lucerne Bldg; Tacoma Wash. U. S. A.

## BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

De l' *Presejo de Sokolovski kaj Estrin*, Rusujo: Malgrandaj Pensoj pri Grandaj Demandoj — Artikolaro kaj leteraro de P-ro A. Dombrovsky. Prezo nemontrata.

*De Imprenta Esperanto*. Casilla 1989. Santiago de Chile: El Esperanto. I Su difusion en el mundo. Memoria presentada al $4^o$ Congreso Cientifico ($1^o$ Pan Americano) por Augusto Biaut, consul jeneral del Esperanto en Chile.

*De la Bohema Asocio Esperantista, Praha:*

Ekzamena Regularo de Centra asocio de bohemaj Esperantistoj «B. U. E.»

*De la Esperanta Medicino Biblioteko.* A. Malsine, libreldonisto, 25, rue de l' Ecole de Medecine. Paris:

La Tekniko de la Termala Kuracado ĉe Aix-les-Bains, de D-ro Jean Durdel.

*De l' Librejo Hachette kaj K.:*

Cours méthodique d' Esperanto-versions, de Camille Aymonier kaj E. Grosjean-Maupin.

Prezo .......................... fr. 1,20

*De Esperantista Centra Oficejo:*

Esperantista Dokumentaro pri la oficialaj, historiaj, bibliografiaj kaj statistikoj aferoj. Kajeroj naŭa, deka kaj dek-unua.

Prezo .......................... fr. 0,15 ĉiu.

*De Presa Esperantista Societo.* 33, rue Lacépède Paris:

Literatura Almanako de Lingvo Internacia 1909.

De l' *Internarcia Propangandejo Esperantista*, London:

Ĉu Internacia Monunuo kaj Pagilo estas efektivigebla, kaj kiamaniere povas utili la *Ĉekbanko Esperantista* al ĝia enkonduko kaj ĝenerala akcepto. Propaganda broŝuro senpage ricevebla.

De l' Librovendejo «Posrednik» Moskvo:

Helpa Internacia Lingvo «Esperanto», de N. Kabanov. Prezo ................. fr. 0,25

Unua Esperanta Legolibo, de N. Kabanov.

Resumoj en la lingvo esperanta de la originalaj artikoloj de la $n^o$ 143 de la ĵurnalo «Ĥirurgio». Resumis D-ro V. Pokotilo, tradukis D-ro N. Kabanov.

**Brazilio** — La parolado farita esperante, de D-ro Backheuser ĉe la Societo de Geografio en Parizo estas eldonita de la Librejo Hachette kaj $K^{io}$ en beleta broŝuro, kiu enhavas ankaŭ la paroladojn kiujn okaze tiu memoriga festo faris S-ojn Carlo Bourlet kaj Gabriel de Piza, plenrajta ministro de Brazillando en Francujo.

Estas tute nenecese dire kiom la interesa verko de nia klera samideano taŭgas por la propagando de nia lando ĝis nun tiel malbone konata de l' fremduloj. Em ĝi troviĝas la plej gravaj informoj pri Brazillando, lerte elmontritaj per la agrabla stilo de D-ro Backheuser kaj per bonaj bildoj, kiuj beligas la tekston.

Fariĝas nediskutebla devo por ĉiuj brazilaj esperantistoj dissendi al iliaj fremdaj korespondantoj kaj amikoj la verkon de D-ro Backheuser, ĉar tiamaniere ni, jam uzante nian internacian lingvon, kunlaboros en la utilega propagando de nia bela Patrujo.

**Guia de conversação esperanto-portuguez.** Leginte tiun utilegan verketon de D-ro

Tobias Leite, ni pensis kiamaniere ni povis lerni esperanton sen la helpo de gvidilo tiel taŭga, kiel tiu libro, kiun nun ni rekomendas al niaj gelegantoj. Vere, la manko de bonaj lernolibroj tre malhelpis la unuajn lernantojn de esperanto en Brazilujo. De nun, la malfacilaĵoj iom post iom malaperas dank'al la apero de kelkaj necesegaj verkoj. La libro de D-ro Tobias Leite estas unu el ili. La aŭtoro jam estas sufiĉe konata de nia esperantistaro kaj pro tio ni bezonas nenion plu diri pri lia klereco. Ĉiuj kiuj legis aŭ legos lian verkon ekkonfesos ke ni estas pravaj dirante ke nepre devas ĝin posedi eĉ la plej malnovaj lernintoj de nia lingvo.

Ĝin mendi al Librejo Genoud, Campinas.

J. B. M. S.

---

## EL "LINGVO INTERNACIA"

### Supersignitaj Presliteroj

La firmo Deberny (58, rue d' Hauteville, Paris) pri kies laŭdinda iniciato ni raportis en nia lasta numero, nin sciigas, ke ĝi nuntempe preparas novan eldonon de sia katalogo «Esperantaj Presliteroj», en kiu troviĝas, krom la jam priskribitaj supersignitaj presliteroj, ankaŭ riĉa serio da diverse grandaj kaj dikaj almeteblaj supersignoj, uzeblaj kun preskaŭ ĉiuj literoj «kapitalaj» ordinare uzataj en titoloj, de korpo 14 ĝis korpo 48.

La kreo de tiu almeteblaj supersignoj forigas gravan mankon kaj liveras al la presistoj materialon proksimume saman por presi Esperanton, kiel por presado de aliaj frendaj lingvoj kun latina alfabeto.

Nova signo de la potenca disvastiĝado de Esperanto... kun siaj supersignitaj literoj!

---

## !!GRAVEGA!!

*Esperanto en la «Memoriga Bolteno» publikigita de la Generala Direktejo Brazila de Statistiko.*

Por memorigi la centjaran datrevenon de l' oficiala malfermo de la naciaj havenoj al la tutmonda komercado, la Brazila Estraro organizis la belegan kaj neforgeseblan Nacian Ekspozicion de 1908, unu el la plej gravaj entreprenoj ĝis nun efektivigitaj en nia lando.

Estas neeble fari detalan priskribon pri tiu Ekspozicio kie, en kelke da luksaj palacoj ĉirkaŭitaj de beletaj konstruaĵoj, ĉarmaj ĝardenoj kaj amuzejoj—vidiĝis en granda amaso ĉiuspecaj produktaĵoj naturaj, artaj kaj industriaj, kiel nediskutebla pruvo de l' mirinda progreso de Brazillando dum tiu laborplena jarcento.

Fariĝis necese doni al ĉiuj ĝustajn sciigojn pri la sukceso trafita de l' Ekspozicio, ĉar nenio pli bone ol la statistiko povas klare elmontri la progreson atingitan de nia lando. Tial la estraro ordonis la ĵus reformitan Generala Direktejon de l' Statistiko organizi verkon kiu plenumas tiun taskon. Ĝi estas la «Memoriga Bolteno de l' Ekspozicio».

Tiu verko celas, do, la propagandon de Brazillando ĝis nun tiel malbone konata de l' fremduloj. Jen kial, dezirante ke ĝi estus legata ne nur de niaj samlandanoj sed ankaŭ de legantoj el kiel eble plej multe da nacioj, la Brazila estraro, dank'al la inteligenta iniciateco de D-ro Bulhões Carvalho, Direktoro de la Statistika Oficejo, decidis presigi ĝin trilingve: portugale, france kaj esperante.

Tiu laŭdinda kaj imitinda decido vidigas ke nia estraro, konante la rimarkindan progresadon de nia lingvo jam helpas de enkonduki ĝin en oficialajn eldonaĵojn.

La 2a Brazila Kongreso de Esperanto riprezentinte la opinion de l' ĉi tieaj esperantistoj, elmontris sian specialan dankon al D-ro Bulhões Carvalho kaj al la klera ministro de l' Industrio, D-ro Miguel Calmon.

***

La «Bolteno de l' Ekspozicio» estas redaktita de S-ro Marques de Oliveira, grava oficisto de G. S. Oficejo, kiu lernis esperanton speciale por fari tiun laboron, kies graveco estas nedubebla.

Krom la statistikaj infomoj, la verko enhavas ankaŭ grandan tekston, tre interesan kaj legindan kie troviĝas ĉiuj informoj pri nia lando. En ĝia «Antaŭparolo» D-ro Bulhões Carvalho rezume klarigas ĝian celon kaj montras ĝian enhavon. Ankaŭ tiu parto estas tradukita esperante, sed aparte sendata kun la franca eldono; ĝi formas belegan broŝuron da 44 paĝoj *in-quarto* kaj estis zorge ekzekutata en la Kompostejo de l' Grupo «Esperantista Laboristaro» de Rio de Janeiro kaj revizita de S-ro Marques de Oliveira.

***

Ĉiuj kiuj interesiĝas pri nia lando kaj deziras akiri tiujn informojn, devas legi la «Bolteno», unu el la plej luksaj oficialaj verkoj ĝis nun eldonitaj kaj certe la plej grava el ĉiuj en kiuj oni enkondukis nian lingvon jam plenumante sian taskon kiel internacia.

Ni esperas ke post la sukcesplena publikigo de la Bolteno multe da aliaj faktoj kaŭzu la progresado de esperanto, pro kies neevitebla triumfo baldaŭ malaperos ĉiuj duboj kaj ŝanceloj de l' timemuloj.

*Ni petas represon kaj tradukon.*

---

## ESPERANTISTA SOCIETARO

Laŭ la 7a numero de «Oficiala Gazeto Esperantista» estis la 5-an de Januaro lasta en la tuta mondo 1242 esperantistaj societoj, nome:

| | |
|---|---|
| Europo | 943 |
| Azio | 27 |
| Afriko | 15 |
| Ameriko | 238 |
| Oceanio | 19 |
| Tutmondo Sumo | 1242 |

Por montri la mirindan kaj rapidan progresadon de nia afero dum la lasta jaro ni publikigas la jenan komparan tabelon:

### SOCIETOJ

| | 1 Jan. 1908 | 5 Jan. 1909 |
|---|---|---|
| *Eŭropo* | | |
| Britujo | 121 | 173 |
| Danujo | 4 | 10 |
| Svedujo | 20 | 39 |

| | | |
|---|---|---|
| Norvegujo | 4 | 4 |
| Rusujo | 29 | 45 |
| Francujo | 165 | 223 |
| Belgujo | 32 | 38 |
| Holando | 8 | 19 |
| Germanujo | 58 | 125 |
| Aŭstrio | 44 | 62 |
| Hungarujo | 4 | 5 |
| Svisujo | 44 | 52 |
| Hispanujo | 65 | 90 |
| Italujo | 8 | 15 |
| Rumanujo | 1 | 10 |
| Bulgarujo | 16 | 25 |
| Monako | 1 | 1 |
| Gibraltaro | 1 | 1 |
| Malto | 6 | 6 |
| | 641 | 943 |
| *Azio* | | |
| Rusujo Azia | 3 | 4 |
| Turkujo Azia | 3 | 5 |
| Hindujo | 7 | 7 |
| Hindo-Ĥinujo | 2 | 3 |
| Ĥinujo | | 1 |
| Japanujo | 4 | 5 |
| Malako | 1 | 1 |
| Cejlono | | 1 |
| | 20 | 27 |
| *Afriko* | | |
| Tunislando | 1 | 2 |
| Alĝerio | 4 | 5 |
| Franca Gvineo | 1 | 1 |
| Transvaalo | 1 | 1 |
| Natalo | | 1 |
| Madagaskaro | 1 | 1 |
| Kanariaj Insuloj | 1 | 2 |
| Madejro | | 2 |
| | 9 | 15 |
| *Ameriko* | | |
| Kanado | 4 | 10 |
| Usono | 56 | 160 |
| Meksiklando | 4 | 6 |
| Kubo | 1 | 1 |
| Brazillando | 12 | 19 |
| Ĉilo | 2 | 38 |
| Peruo | 1 | 1 |
| Bolivio | 1 | 1 |
| Urugvajo | 2 | 2 |
| | 83 | 239 |
| *Oceanio* | | |
| Aŭstralio | 2 | 5 |
| Filipinaj Insuloj | 4 | 10 |
| Nova Zelando | 4 | 4 |
| | 10 | 19 |

## PROFESIAJ KAJ FAKAJ SOCIETOJ

| | 1 Jan. 1908 | 5 Jan. 1909 |
|---|---|---|
| Moralo, Politiko, Religio | 20 | 31 |
| Artoj, Sciencoj | 13 | 17 |
| Industrio, Komerco, Laboro | 15 | 34 |
| Administracio | 3 | 5 |
| Distrajoj, sportoj | 5 | 8 |
| Diversaj | 13 | 36 |
| | 69 | 131 |

## KORESPONDADO

Deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj:

Fraŭlino Polly Horns, Public School, Wolumla, N. S. Wales, Aŭstralio.

S-ro Armando Kastillo, Victoria 1008, Santiago, Ĉilio.

S-ro K. Pavlenskon, Missionerskaja 10, Vladivostok, Rusujo Azia.

S-ro S. A. Andrew, Hardivick Road, Carisbrook, Newlands, *via* cape Town,

S-ro Jan Mhy, 405 Smilova str. Pardubice, Bohemujo, Aŭstrujo.



— Kompostejo de l' « *Grupo Esperantista Laboristaro* »